Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj
Nia Espero Nia Forto

# Aŭstraliaj Esperantistoj

Novaĵa Letero de **Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj**
NI SENDAS AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KUN KONATA RETADRESO

8/12/2011 Dekkvara Eldono 2011

Mallongaj Informadoj, Diskutoj, Sugestoj, de vi kaj ni.
Se vi trovas bonan informon informu Aŭstraliajn Esperantistojn.

**Ni invitas ĉiujn Esperantistojn kontribui al tiu novaĵa letero.**
Kondiĉoj estas mallonga letero, pri kaj en Esperanto, kun via nomo.
**Via letero ne estos korektita kaj vi respondecas pri ĝia enhavo.**



**Pensu!**
**Kritiku!**
**Laŭdu!**
**Skribu!**
**Progresu!**

---

Tiu ĉi letero havas "Hyperlinks" al retpaĝoj KLAKU! KLAKU! KLAKU!

---

Sendu novaĵojn, leterojn, informojn al Roger rspring@tpg.com.au; kaj kopiojn al Ivan ivan@melburno.org.au;

## Tajpu la esperantajn literojn

**Por vindozaj komputiloj.**
**Ek! - Esperanto** ctrl+click to follow link
Tajpi - Installation ctrl+click to follow link

Apple-Macintosh komputiloj Click!




## La epoŝta programo "*gmail*"

**de Google** transsendas la esperantajn literojn tute bone (kontraste kun yahoo.com).

**To translate anything into Esperanto use**
**http://itranslate4.eu**

## Rekomendatan Legadon

---

"*Mirmekobo*," ĉe mirmekobo.com
de Donald Broadribb

---

"Tamen Plu" de Bob Felby
esperantobob@bigpond.com;
Ni sendos kopion al niaj konataj retadresoj

---

"Esperanto sub la Suda Kruco" de AEA
www.esperanto.org.au info@esperanto.org.au

---

La retadreslisto estas uzata por elsendu Esperantajn Gazetojn (post ilia peto). Mi ĉiam uzas "Bcc" (Blind carbon copy) lokon por konservu la adresojn sekreta.

"Aŭstraliaj Esperantoj" ne estas ligita al tiu periodo. Do la informo povas esti akurata.

Mi enmetu en la novaĵletero sencezurajn opiniojn se vi skribas mallonge kaj Esperante.
Ne gravas ĉu mi ŝatas aŭ ne.
Kaj kun la Esperantaj literoj mi petas.

**La novaĵletero estas sendata al 177 retadresoj.**
**Informu la Australiajn Esperantistojn pri viaj ideoj**

## Ĉiu tage ni lernas ion nova. Dankon..

Saluton Roger!
En via novaĵletero vi skribas ke Yahoo ne montras Esperantajn literojn.
Tamen mi ofte sendas mesaĝojn al
esperantoaustralia@yahoogroups.com
inkluzivante la ĝustajn literojn, kiel vi vidas en ĉi tiu mesaĝo. Mi ĉiam uzas "plain text" (ne html) tute sukcese.
Mi uzas Keyman Desktop Light 7.1, kiun mi aĉetis perrete.
Amike, Alano. Alan Mendelawitz

---

## La sumera tendaro havas novan nomon.

EFNSK diskutis la problemojn pri manko da instruistoj, helpantoj, kaj la miskompreno pri la vorto "tendaro", ktp, do ni donis novan nomon al la afero.

**"Esperanta Ferio"**

LA EFNSK aranĝas la **ferion** dum 8 jan 2012 ĝis 15 jan 2012
Experienced Esperantists will be available to help and guide learners. Formal lessons depend on attendance, from 9am to 12 noon, afternoons for sightseeing.
La Federacio ne deziras kotizon, vi povu dormi sur aermatraco (aĉetebla de la federacio por $30) en Esperanto Domo aŭ laŭ via elekto. Tamen vi devas anonci vian intencon veni, ĉar ni bedaŭrinde ne povos akcepti centojn da personoj en Esperanto Domo!
**EFNSK donos al Esperantistoj kaj lernantoj kiuj restos pli ol 3 tagojn, unu 7-tagan busan/trajnan bileton senpage aŭ ĝis sep $2.50 unutagaj biletoj por pensiuloj, maljunuloj kiuj havas la rajton ilin uzi.**
Havu agrablan tempon kun geamikoj *babilante en Esperanto.*
Ni bezonas scii kiom da homoj deziras veni inter kiuj datoj, kiu deziras dormi en Esp Domo, ktp
Ni havu basajn lecioniojn kaj vidu Sidnejon kun amikoj.

Ĉiutage, grupoj povos vojaĝi laŭ sia elekto, esperеble parolante Esperanton.

**Ĉe Esperanto Domo oni povas dormi, studi, interbabili, renkontiĝi, ktp**

**EFNSK ne pagos por mangxoj, trinkaĵoj, enirbiletoj al vidindaĵoj, muzeoj, ktp.**

Sed ja estas multaj interesaj senpagaj lokoj inter Newcastle, Bathurst, Goulburn ktp kien vi rajtas vojaĝi per la MyMulti3Bileto.

Jose Antonio estos tie de la lundo ĝis sabato, kaj partoprenantoj povos konatiĝi kun li, li prelegos pri humanista temo, eblos supozeble ekskursi al la Blua Montaro kun li.
**Okazas la kutima Sidneja festivalo en diversaj lokoj. Krom tio, la Federacio havas detalojn pri vizitendejoj en kaj apud la urbo**. Kaj, sendube, estas la ebleco tranokti en Esperanto Domo.
Ni pensas pri ekskursoj tuttagaj (ne necese la tutan grupon samtempe) kaj neformala vespermanĝo en Esperanto Domo. Dum la vespera manĝo estas tempo por vidi filmojn, videojn, lerni novajn vortojn,

EFNSK. Kostoj
MyMulti3 $57 por 7 taga vojaĝo. $28.50 por infanoj 15jara aŭ studentoj
Maljunuloj Aŭstraliaj $2.50 tage $17.50 por 7 tagoj
Aliaj kostoj estas respondeco da vizitantoj
Informu nin se vi volas veni kaj kian bileton vi deziras
EFNSK 143 Lawson St. Redfern 2016
*nsw@esperanto.org.au* Copy to EFNSK secretary, Margaret C. gymea@hotmail.com"

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

## Alta Tajda Festivalo en Torkijo (Torquay)

Pasintan sabaton (3 de Decembro) la Esperanto Federacio de Viktorio prenis parton en la festivalo de la Alta Tajdo "High Tide" kiu okazas en Torkijo, Viktorio, ĉiujare je la komenco de la somero.
Torkijo estas bela urbeto kun bonega plaĝo taŭga por surfado kiu situas ĉirkaŭ 80 kilometrojn de Melburno. Klubanoj de la Torkija Kafa Klubo de Torkijo invitis la Federacanojn por veni kaj festi en la festival. S-ino Elrae Adams fabrikis impone grandan "marherba mar-estaĵo" kiel emblemon de la festivalo.
Entute 10 Esperantistof el Melburno, Geelong kaj Torkijo promenis en la parado laŭ la marbordo kun la aliaj grupoj kiaj skoltoj, muzikistoj kaj komunoj grupoj. Dum ni promenis, gvidite de Alan Bishop, ni faris muzikan bruon per tamburoj kaj disdonis pamfletojn al la spektantoj. Ĉe la fino de la parado John Adams deĵoris en

informa budo por sciigi interesatoj pri Esperanto. Post ol la festivalo nia grupo iris al la Sand Bar manĝejo por iom manĝi kaj babili en Esperanto.
Ivan Heldzingen ivan@melburno.org.au

Nicole trovis artikolon en GalwayCityTribune
http://www.galwaynews.ie/22206-se%C3%A1n-talks-talk-seven-languages

Howstuffworksvideos Roger Springer
http://videos.howstuffworks.com/howstuffworks/41742-esperanto-the-ll-zamenhof-story-video.htm

Kial vi lernis Esperanton? Cxu vi lernis gxin nur por paroli kun aliaj Auxstraliaj Esperantistoj? Sendube, ne! Ekde 2005 Auxstralio helpis la reenkondukon de Esperanto en Indonezio. Nun Indoneziaj Esperantistoj sercxas korespondantojn tra la mondo. Se vi volas amikigxi kun Indonezia samideano, bonvolu kontakti S-ro Noersal Samad per la url sube. Amike, Diano

Noersal Samad
Legu pli
<http://tinyurl.com/7qut4qm>



| | | | |
|---|---|---|---|
| Dianne | Lukes | | diannelukes@yahoo.com; |

Saluton,
As director of publicity for AEA, I have received approval to run a film competition to take place as of next January for approximately 6 months called "The Film' Konkurso" The general idea is to bring up and coming directors / actors to the forefront of a targeted Esperanto advertising campaign. Young / old directors and or actors in Australia will have the opportunity to produce films in Esperanto, and enter into a pool to win a 500$ cash prize. However very few directors will speak Esperanto fluently, thus I will require access to potential translators. So I call on the Esperanto community here in Australia to put forth their names as willing contacts to be translators, and advisers. A formal opening to the competition will follow shortly as all the last minor details are ironed out.
Please send all future correspondence in this matter to informado@esperanto.org.au
Richard Delamore,
Director of Publicity
For the Australian Esperanto Association

## Vortoj de "Lernu"

ORO
1. Metalo el la kuba sistemo, ruĝe flava aŭ flava, estiĝinta en vejnoj, koncentrita en aluvioj aŭ en detritaj petroj; la plej maleebla kaj dratigebla el ĉiuj metaloj:
Oni trovas oron en iuj riveretoj.
La haroj de la knabino tiel lumis, kvazaŭ ili estus oritaj.
La suno origas fenestrajn vitraĵojn per siaj radioj.
La rostata kokido oriĝis.
Ĝi kuŝas en orkolora kesteto.
2. Tiu metalo, rigardata kiel tre multevalora kaj tial uzata en juvelarto, monfabrikado kaj simile:
Li pagis per oro (ne per monbiletoj).
Temp' estas valoro simile al oro.
Ŝi donace ricevis belan oran ringon.
Tie estis tiom da belaj oraĵoj, ke mi ne povis elekti, kiun el ili aĉeti.
3. Monabundo, riĉeco:
Ĉiu deziras multe da oro, sed ĉu tio vere alportos feliĉon?
Ne defendas oro kontraŭ doloro.
En landoj transmaraj estas oraj arbaroj.
4. Multevalora, bonega afero:
Ĝentila kaj trankvila, kun koro el oro.

KOPII
1. Reprodukti tekston je unu aŭ pluraj ekzempleroj, mane aŭ maŝine:
Ĉu mi rajtas kopii la dokumenton?
Mi bezonas kopian paperon (kopipaperon).
La retmesaĝo estis sendita kopie al vi.
Mi ĉiam faras savkopiojn de la dosieroj (rezervajn kopiojn de datenoj por protekti kontraŭ perdo de la originalo).
2. Reprodukti belartan verkon:
Li kapablis kopii la pentraĵon.
Tiu pentraĵo estas nur mallerta kopio.
Li estas kopiisto de muzikaĵoj.
Ili ŝtelkopias altmodajn kreaĵojn.
3. Ĝuste imiti:
Li bone kopias la voĉon de tiu aktoro.
La arboj kopiiĝis en la akvo.

SUBLIMA Tiel distingiĝa per sia alteco, nobleco aŭ alia impresa eco, ke ĝi inspiras ian kvazaŭ religian respekton, admiron aŭ timon:
Mi ne povis deŝiri okulojn de tiu sublima vidaĵo.
Oni skribis pri la sublimeco de la unua ĉapitro de via verko.
Foje la verkistoj sublimigis la vivon de iuj personoj.